# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 23/08/2014 Cent sepdek naŭa eldono 23/08/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Kunigi genepojn, gepatrojn kaj geavojn Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu




### Komuna altkvalita tempo

Pro la ritmo kaj postuloj de la moderna vivo, sufiĉe malofte oni sukcesas kunigi familianojn de tri generacioj, ne nur por festi familiajn datrevenojn kaj festojn, sed por kunlabori en komuna sufiĉe longdaŭra projekto.

Kiel emerito, dank' al Dio ĝis nun sana kaj aktiva, jam dekon da jaroj mi dediĉas min, krom al Esperanto, ankaŭ al eksperimentado de metodoj por ĝojige pasigi kvalitan tempon kun miaj du genepoj.

En nia lando, per la esprimo "kvalita tempo kun infanoj" oni difinas la tempon amuze kaj klerige pasitan kune kun ili. Ĝuste antaŭ kvar jaroj prezentiĝis al mi bonŝanca, neripetebla okazo por tutfamilia kunlabora, tikla kaj defia projekto. Jen, kio okazis.

Kadre de la volontula asocio "Amikoj de edukado", mi interalie kunlaboris, kun la stabo de lernejo en mia urbo, kiu zorgas pri infanoj suferantaj pro malfacilaĵoj en lernado.

Tie oni provis enkonduki, ekde la kvara bazlerneja klaso, ŝakojn kiel apoglernilon, sed, kiam evidentiĝis la troa malfacileco de tiu ĉi ludo por tiuj lernantoj, mi proponis enkonduki alian tabulludon: "GO" (japane "Igo"). La bazaj reguloj de tiu ludo estas tiel simplaj, ke ĉiu povas lerni ilin tre rapide kaj baldaŭ ekludi je

baza kontentiga nivelo. Strategio estas grava, sed ne ununura aspekto de la ludo.

Mi sciis, ke en Japanujo oni eldonis serion de "mangao", tio estas bildstrioj kaj poste, laŭ tiuj desegnitaj aventuroj, ankaŭ televidan serion de "animeo", t.e. animaciaj filmoj por junuloj, kies temo estis la ludado de "GO" en lernejoj. La televidfilma serio nomiĝas "Hikaru no GO" (laŭvorte "GO-ludo de Hikaru") kaj konsistas el 75 partoj, ĉiu el ili 23 minutojn longa.

Uzante la unuajn 12 partojn, kiujn mi ricevis dublitajn en la itala, mi kaj miaj familianoj, per komuna amuza kunlaboro voĉludis la ĉefrolulojn kaj dublis la filmojn en la hebrean. Tiamaniere mi povis uzi ilin por alloge kaj sukcese enkonduki la ludon "GO" en taŭgaj klasoj de la lernejo.

La projekto postulis entute pli ol kvin monatojn. Parton post parto, ni plibonigis nian laboron kaj fariĝis pli memfide spertaj, tiel ke la investita tempo daŭre mallongiĝis. Por miaj du genepoj (tiam 5-jara kaj 8-jara) la plej peza kaj laciga tasko estis serioze kaj pacience provludi la dialogojn kaj fine registri la sonbendon por dublado. Ilia sindevigo kaj persisto surprizis nin. Ĝis nun ili orgojle montras al kamaradoj la dublitajn filmetojn.

Kiel kutime en animaciaj televidserioj, ĉiu parto komenciĝas per la sama enkonduko kun kanzono. En "Hikaru no GO" la kanzono restis en la japana kaj mi enmetis post 25 sekundoj de la komenco, la tiel nomatajn "kreditojn" pri la farita komuna laboro. Oni aŭdas la voĉon de mia 5-jara nepo, kiu diras: "La dubladon al la hebrea de "Hikaru no GO" faris la membroj de familio Savio — mia fratino Lia, mi Daniel, mia patrino Kim, mia patro Reŭven, mia avino Adriana, mia avo Gian Piero, kiu gvidis la tutan projekton". Tuj poste ĥore la du infanoj bondeziras "Agrablan spektadon!".

http://www.esperantotv.net/

## 33. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO. Antaŭfino de la Participoj.



Same kiel, kvankam tre limigite, en etnaj lingvoj, la Participoj povas uzati en aliaj vortkategorioj krom Adjektivoj. Kiel Substantivo ili indikas personon farantan Aktive, aŭ ricevantan Pasive, la agon. Kontraŭe al la ĝenerala regulo, sed proe de la Regulo pri Sencreduktiĝo, tia Substantiva Participo ĉiam indikas personon, ne animalon nek aĵon nek econ. Tio estas pro decido de Zamenhof. Por indiki aĵon aŭ econ oni devas aldoni al la Adjektivo la nomon de la aĵo aŭ eco. Kiel Verbo la Participo estas apenaŭ uzata, escepte por formi la Verban Pasivan Voĉon per nur la Sufikso "–ati" (vidu n.ron 31). Kelkfoje oni renkontas aliajn Verbojn el Participoj, ekz. "mi lernintas la rusan", kie naciaj lingvoj kutime uzas "mi konas" aŭ "mi scias". Sed tiaj Verboj tre maloftas en Esperanto.

Marcel Leereveld.

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

CRI online [http://esperanto.cri.cn/](http://esperanto.cri.cn/) Bona Esperanto Bonaj Programoj

**EsperantoTV** ESPERANTO [http://www.esperantotv.net/](http://www.esperantotv.net/) ESPERANTO

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

[http://aea.esperanto.org.au/congress](http://aea.esperanto.org.au/congress) **Venu !**




## Estas senpaga donaco

**Kvankam ĝi estas bona lernlibro LA CELO ESTAS PROPAGANDILO. Same kiel Grandbutikaj broŝuroj.**

**Vizitu Esperanto-Domon kaj portu sufiĉe da ekzempleroj al via klubo**

**EFNSK kontribuas por la presado, disvastigo.**

**La laboro fari libreton, kiu povos esti sendata per la reto progresas bone. Roger**


The GRAMMAR is based upon SIXTEEN FUNDAMENTAL RULES, which have no exceptions.
The PARTS OF SPEECH are formed from root-words by the addition of appropriate letters.
O is the ending for all names of things (NOUNS) — fakto, distanco, piano, duo, fajro, tasko
ADJECTIVES (descriptive words) end in A — evidenta, longa, granda, freŝa, furioza, simpla
NOUNS and ADJECTIVES form PLURALS by adding J — evidentaj faktoj, longaj distancoj, grandaj pianoj (aj, oj sound as in my boy)
THE SIMPLE VERB HAS ONLY SIX ENDINGS.

| INFINITIVE I | PRESENT AS | PAST IS | FUTURE OS | CONDITIONAL US | IMPERATIVE U |
|---|---|---|---|---|---|
| ESTI | estas | estis | estos | estus | estu |
| LERNI | lernas | lernis | lernos | lernus | lernu |
| HELPI | helpas | helpis | helpos | helpus | helpu |

N marks the ACCUSATIVE (direct object). ADVERBS end in E
Mi (I) helpas lin (him) energie
Li (he) helpas min (me) entuziasme
Ŝi lernas Esperanton diligente

## Kopirajto: Peto uzi 'Korpopartoj' ĉe paĝoj 16-17 "Esperanto Pocket Textbook"

Saluton,

Mi kune sendas mian senpagan nefinitan Ŝlosilon, kiu estas angla propaganda libreto por anglparolantoj.

Nun la presisto plibonigas la aranĝon de la libreto.

Mi ŝatus enmeti 'korpopartoj' el Poŝamiko sur la mezaj paĝoj (Paĝoj 16-17)

Ni presos milojn da kopioj por fordoni. Bona reklamo por Esperanto kaj Poŝamiko. La libreto havos ISBN

Du problemoj , bone presebla bildo kaj ĉu estas kopirajto aŭ ne?

Estas urĝa afero. Ni havas Lingvan Festivalon ĉe la fino de Majo

Ĉu vi povus helpi?

Roger Springer 3 Majo 2014

## Respondo

Saluton,
Mi nur nun vidis vian mesaĝon....... kaj bedaŭras ne reagi pli frue.
Mi esperas, ke vi tamen uzis la paĝon kaj sukcese varbis per la eldonaĵo.
Se jes, bv sendi al mi iam unu ekzempleron.
La libreto jes ja havas kopirajtojn..... kaj mi aprecas ke vi petis permeson. Mi ne reagis ne ĉar mi ne volis doni tion, sed ĉar ne vidis la peton.
Amike, Katalin Kovats
Nederlando 20 Aŭgusto 2014

# River Lights

## Sabato 11 Oktobro 14

Enhavos fremdlingvan sciigan lokon. Kiuj deziras volontuli por ĉeesti la feston? Demandas Andrew Spannenberg
Sendu mesaĝon al A.E. kaj mi plusendos ĝin, Roger

# Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj

# EsperantoTV

http://www.esperantotv.net/




# EFNSK AGM (Jarkunveno) 24/08/14 E.Domo 12tm

## Esperanto-Domo Sidnejo

Aferkunveno je 11atm. 24/08/14

Poste amuzkunveno kun nudeloj, manĝetoj, kafo, teo, ktp.
kaj bonaj amikoj.

# Andy Lutz parolas pri Esperanto



Jen Miranda Lutz informis en Facebook ke ŝia frato Andy Lutz parolas pri Esperanto en la radio.
http://www.novafm.com.au/audio/meshel-and-tommy-podcast-20-august-2014
Aŭskultu de 16mn40 ĝis 24mn20. Amike, Nicole

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 21-an de aŭgusto, je la 19:00 (18:30)
Nenia raporto alvenis.

## Ĉe la UK en Bonaero.



Jose Antonio Vergara el Ĉilio, kiu estas UEA estrarano, vizitis Aŭstralion inkluzive de Sidnejo en Januaro 2012. Nun mi trovis foton de li kun gesinjoroj Green el Kvinslando dum la UK en Bonaero.
Amike, Nicole

## Esperanto-DVD populara ĉe malfermita biblioteko




En januaro mi ĉiceronis sinjorinon Lumera en la urbocentro de Sidnejo. Tiam ni vizitis someran feston en Hyde park en kiu troviĝis "malfermita biblioteko". En ĝi ĉiuj povas lasi sian uzitan libron kaj povas senpage preni alian libron.
Mi tie lasis la DVD-on de la mallongaj filmoj "Esperanto 125-jara". Dekkvin minutojn poste ni revenis al la biblioteko por kontroli ĉu iu rigardas la



DVD-on. Je la granda surprizo de Lumera kaj mi la DVD jam estis prenita!
Poste ni lasis / donacis duan DVD-on. Espereble tio havas efikon por informi la publikon pri nia lingvo. Rainer

## La Manlia Esperanto-Klubo.



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
16a Aŭgusto 2014 Venis Roger Springer, Christine Holliss, John Casey, Ian Wylles, Eunice Graham
Bona Esperanto-kunveno, Pluva tago.
Verŝajne, ni havis la nuran Esperanto-kunvenon ĉi semajne. Roger



